PORTO ALEGRE, AŬTUNO 1992 2-A JARKOLEKTO N-RO 5

Jes Ja!

# LA LASTAJ JAROJ EN LA VIVO DE ZAMENHOF



D-ro Zamenhof kaj lia edzino

ESPERANTO

# ADAM ZAMENHOF: LA LASTAJ JAROJ DE MIA PATRO



En Aŭgusto 1914 devis okazi la X-a Universala Kongreso de Esperanto en Parizo. Mia patro kune kun la patrino forveturis al la Kongreso, kvankam oni jam ĉie parolis kaj skribis pri la minacanta milito. Sed tamen ĝenerale oni ne tro kredis, ke la milito efektive povus okazi kaj certe neniu supozis, ke ĝi estus tiel serioza kaj longa. Miaj gepatroj veturis tra Germanujo kaj ili jus alvenis al Koln, kiam ili eksciis, ke la milito estis deklarita inter Germanujo kaj Rusujo. Oni anoncis al ili, ke ili devas tuj forlasi Germanujon kiel civitanoj de malamika lando, ĉar Varsovio ja apartenis en tiu tempo al la rusa registaro. Mia patro estis tamen tiel sugestiita per la penso pri la internacia paca kunveno en Parizo, ke li eĉ hezitis, ĉu li devas nepre reveni Varsovion, aŭ daŭrigi la vojaĝon al Parizo. Li supozis, ke la kongreso malgraŭ ĉio okazos en paco, kaj, post la kongreso, la milito jam certe estos finita. Sed jam li rimarkis strangan ŝanĝon ĉe la oficistoj kaj kunvojaĝantoj, kaj baldaŭ komprenis, ke la pacaj interrilatoj inter la homoj povas facile kaj rapide malaperi, kiam oni publike anoncas, ke civitano de iu lando aŭ homo de alia gento estas malamiko.

Do, laŭ konsilo de kelkaj germanaj amikoj esperantistaj, miaj gepatroj decidis reveni hejmen, kvankam la vojaĝo jam ne povis okazi per normala vojo kaj ili devis esti preskaŭ forpelitaj en iun neŭtralan landon. Estis do granda ĉirkaŭira vojaĝo tra Svedujo, en amaso da multaj aliaj, depost hieraŭ "malamikaj" fremduloj, kiuj multnombre troviĝis en tiu ĉi tempo en diversaj germanaj kuracilokoj. Tiu ĉi vojaĝo ne nur estis tre laciga kaj malagrabla por mia patro pro ne tro forta stato de lia sano, sed precipe pro la fortega morala bato, kiun li kvazaŭ ricevis, vidante la subite aperintan malamon inter la homoj, al kiuj li predikis la fratecon. Kaj baldaŭ anstataŭ la internacia paca kongreso ekregis en Eŭropo internacia milito.

Li revenis hejmen kun koro rompita ne nur en senco simbola. La grava kormalsano komenciĝis efektive en tiu ĉi malgaja epoko. Malgaja li rekomencis sian ĉiutagan laboron en Varsovio, ĉiam pli malgaja, kiam li vidis, ke la milito fariĝas ĉiam pli kruela kaj la espero pri baldaŭa fino estas pli kaj pli malcerta.

Kiel juna kuracisto mi jam helpadis al mia patro en lia medicina laboro. Li intencis nur iom post iom enkonduki min en sian kuracistan praktikon kaj tute ne supozis, ke tio okazos subite. Kaj jen la 22-an de novembro 1914, dum la nokto, la patrino vekis min kaj, terure timigita, vokis al la patro, kiu sidis sur la lito kun vizaĝo pala kiel papero. La unuan fojon en mia vivo mi aŭdis la patron ĝemi. Li suferis pro fortega doloro de koro. Mi tuj decidis telefoni al iu sperta kuracisto inter la kolegoj kaj amikoj de mia patro, sed li energie malpermesis al mi tion fari, dirante, ke li ja mem estas kuracisto, kiu scias tre bone, ke la atako baldaŭ pasos, kaj li ne volas maltrankviligi kolegojn dum la nokto sen vera bezono. Tamen la doloro daŭris kaj mi, malgraŭ la malpermeso, venigis unu el amikoj de la patro, doktoron Kunig, faman specialiston de kormalsanoj. Kiam li alvenis, la patro jam fartis pli bone kaj forte riproĉis min pro mia malobeo. Tamen montriĝis, ke la stato de la koro estis tre grava kaj la patro estis devigita resti en la lito kelkajn tagojn. Mi dume anstataŭis la patron en lia kabineto por malriĉaj pacientoj, kiuj ĝis tiam grandamase vizitadis lin por demandi konsilon kaj kuracon kaj de tiu momento mi ne plu allasis lin al tiu vere laciga matenlaboro. Depost tiam li havis matenojn liberajn por labori nur por Esperanto, akceptis pacientojn nur dum du horoj posttagmeze kaj nun jam ne estis devigita sidi ĝis postnoktomezo apud sia skribtablo por fari sian laboron esperantan. Sed denove, kvankam pli trankvile, li laboris dum tuta tago senripoze, preskaŭ ne elirante el la domo. Vane lia zorgema edzino preskaŭ forpeladis lin ĉiutage eksteren, por ke li ĉerpu iom da freŝa aero, movigu la krurojn kaj ventumu la cerbon. Ne ekzistis interesaj lokoj por promeno en la ĉirkaŭaĵo de la strato Dzika, en la malriĉa, sed plena de bruo kaj movado juda kvartalo. Oni devis veturi malproksimen per tramo aŭ droŝko, por serĉi iom da verdaĵo kaj pura aero. Tial ni pensis, ke estus pli bone por la patro, se li loĝus ie apud ĝardeno, ĉar li certe pli volonte farus almenaŭ malgrandajn promenojn, kiuj ripozigus lin kaj bone influus la staton de lia sano. En julio de la jaro 1915 miaj gepatroj transloĝiĝis en la straton Królewska, apud la centra urba ĝardeno. Tie ĉi la kondiĉoj por trankvila laboro estis vere bonaj, des pli, ke la patro povis pli facile forgesi la fakton, ke li ne plu estis kapabla al tiel laciga laboro, al kiu li estis alkutimigita en la malnova loĝejo. Nur malmultaj pacientoj estis allasitaj al lia kuracista kabineto kaj ili ne forrabadis al li la tempon, kiun li pli volonte uzis por sia kara ideo.

Li ofte diradis ke li estus feliĉa, se li povus labori la reston de sia vivo nur por kaj per Esperanto. Li tamen neniam bedaŭris, ke li rezignis de ĉiuj personaj rajtoj koncerne la lingvon mem, sed li esperis, ke eble per sia laboro kiel verkisto kaj tradukisto li povos gajni sufiĉe por la ĉiutaga pano.

La programo de lia tago estis tre precize ellaborita. Ĉiutage dum kelkaj horoj li tradukis en Esperanton la plej gravajn verkojn de la tutmonda literaturo. Estis lia intenco eldoni grandan klasikan bibliotekon, enhavantan kelkajn paralelajn fakojn. Li supozis, ke la fako literatura povos certigi al li konstantan perlaboron kaj permesos al li samtempe okupiĝi pri aliaj fakoj, destinitaj al la lingvaj esploroj, meditoj kaj rememoroj, priparoloj pri filozofiaj kaj etikaj demandoj.

La ideo de homaranismo multe okupis mian patron en tiu ĉi epoko. Li revis pri fondiĝo de "neŭtrallingva kulturejo, kie la adeptoj de la pure homa etiko povus kuniĝi por diskuti pri diversaj demandoj. Dume li intencis aranĝi "akcepttagojn" por tiu ĉi celo. La simpatiuloj de la ideo kolektiĝus por amikaj interparoladoj "por ekzerci la koron kaj spiriton".

La rompo de ĉiuj internaciaj rilatoj, kaŭzita per la milito, estis tre peniga por la aŭtoro de Esperanto, alkutimigita al la intensa interŝanĝo de ideoj kun samideanoj de la tuta mondo. Li tre suferis pro la perforta izoleco, kvankam kelkaj esperantistaj amikoj ofte lin vizitadis. Inter tiuj amikoj la plej ĝojiga estis ĉiam Grabowski, kiu en tiu tempo tradukis "Sinjoron Tadeo" de Mickiewicz kaj de tempo al tempo vizitadis mian patron, por tralegi la novajn ĉapitrojn de tiu ĉi majstra verko. Lia entuziasma deklamado de la vere belsona traduko treege interesis mian patron, ĉar en la buŝo de Grabowski Esperanto efektive vivis kaj brilis. Ankaŭ la belege konstruitaj kaj libere fluantaj paroloj de Leo Belmont faris al la patro grandan plezuron. Tre ĝoje vidita gasto estis profesoro Odo Bujwid, la universitata kolego de mia patro kaj lia granda amiko kaj fidela samideano. Kun Wiesenfeld li tre volonte diskutadis pri lingvaj demandoj. Kelkaj aliaj samideanoj de tempo al tempo forpeladis la ombron de izoleco; inter ili estis la tiama havena komandanto de Varsovio dum germana okupado, majoro Neubarth. Sed neniam mia patro ĉesis esti optimisto kaj ĝis la lasta momento de sia vivo forte kredis, ke baldaŭ la terura milito cedos la lokon al la forta kaj frata kunlaborado de ĉiuj popoloj.

En sia laboro li estis tre regula kaj sistema. Lia ĉiutaga tasko estis antaŭfiksita kaj devis esti nepre plenumita: tiom da paĝoj de traduko ĉiutage, tiom dum la monato. Mi ofte admiris la akuratecon, kun kiu la laboro estis finita laŭ la dato notita en la kalendaro je la komenco. Kaj se ekzemple tri tagoj estis fiksitaj por ĝoja ripozo post la fino de la traduko de la Biblio, la fabeloj de Andersen jam estis sur la skribtablo precize en la

kvara tago. Sed baldaŭ la kormalsano ĉiam pli ofte malhelpadis la regulan laboron ĉe la skribmaŝino. De tempo al tempo li devis resti kelkajn tagojn en la lito por fortigi la koron. Sed li ne povis resti eĉ unu tagon sen laboro. Lia cerbo ne toleris ripozon. Kaj eĉ malsana, li faris notojn en malgranda poŝkalendaro, kiu ĉiam troviĝis sur la noktotablo. Kaj se foje ni singarde volis eniri en lian ĉambron, por rigardi ĉu li dormas aŭ eble ion bezonas (li neniam mem vokis iun), ni preskaŭ ĉiam vidis lin kun krajono en la mano. Li ĉiam meditis, notis, forstrekis, denove skribis, laŭ la devizo, ke oni ĉiam devas noti bonajn pensojn, ĉar alie oni ilin facile forgesas.

Li multe fumis, kaj la kuracistoj malpermesis al li la fumadon, pensante, ke tiamaniere oni pli bone subtenos la forton de lia koro. Li efektive ĉesadis fumi kelkajn fojojn, kaj en la kalendaro ni trovas kelkfoje la noton : "lasta fumado". Sur unu karteto ni trovas surskribon : Ne fumis 20.III. — 3.V..... 20.V. — 27.V..... 12.VII. — 25.VII. 15.VIII. — 25.VIII..... Tiuj notoj estis faritaj en la jaro 1916. Sed tiu senigo de cigaredoj estis por li vera sufero, eble ne tiom pro la kutimo mem, sed precipe pro tio, ke li tute ne povis labori sen fumado. Tio estis la solu kaŭzo, ke post kelkaj tagoj aŭ semajnoj li denove rekomencadis fumi, dirante ke li preferas vivi iom pli mallonge kaj ion krei, ol vivi longe, sed senutile. Se li tamen tiel ofte ĉesadis la fumadon, tio pruvas nur, ke la ripetaj atakoj de kordoloro estis sufiĉe gravaj.

La lastaj semajnoj de lia vivo estis por li tre malĝojaj. Li denove jam ne fumis, sed ankaŭ ne plu faris notojn en sia kalendaro, ĉar, devigita resti en lito pro grandaj suferoj, li estis tiel malfortigita, ke estis al li malfacile iom skribi. Kvankam li neniam plendis, ĉar li ne volis, ke iu alia ankaŭ suferu, kiam li suferas, tamen li aspektis tiel malĝoje kaj kompatinde, kiel neniam ĝis tiam ni lin vidis. Sed ŝajnas, ke ĝis la morto li ne tiom pensis pri si mem, kiom pri sia kara ideo, per kiu li volis feliĉigi la homaron, kaj li sentis sin vere malfeliĉa, ke pro la malsano li ne plu povis plenumi sian ĉiutagan taskon, kiu devis konduki lin al la venko.

La lastan tagon de la vivo li fartis pli bone. Ŝajnis al li, ke li denove povos rekomenci la laboron, kaj tiu penso bone influis lian humoron. Sed lia koro ĉesis bati, eble en la momento, kiam li pensis :

Ho, mia kor', ne batu maltrankvile....

Adam Zamenhof

(Presita en "Pola Esperantisto" 1957).

El ESPERANTO

JES JA!

## REKORDOJ EL "GUINESS BOOK"

La indiana tribo Nhambiquara, en Brazilo, estas konsiderata kiel la popolo kiu havas la plej malgrandan nocion pri numeroj en la tuta mondo. La vorto kun plej multa nombro da vokaloj estas "uoauai", nomo de iu indiana lingvo en la sudo de Pará. La plej rapida trinkemulo en la mondo estas iu usonano, kiu trinkis po unu litro da biero dum nur 1,3 sekundoj. Alia usonano, Jon Brower Minnoch (1941-1983) estis la plej dika homo en la historio. Li pezis po 635 kg distribuitaj tra 1,85 m.

ESPERANTO

## KIEL DIRI?

"chope" = barel-biero
FMI = IMF (Internacia Monfonduso)

VID-PUNKTO

## CÉSAR DORNELES SOARES



UNU 23 milionoj da hektaroj dezertiĝas en Nord-oriento ĉiujare. Oni direktu oniajn "ekologiajn okulojn" ne nur al Amazonio kaj al la Atlantika Arbarego...

DU TV-anoncoj disheroldas la ideon, ke oni devas labori plie por solvi la seriozegajn problemojn de la lando. Jes ja, sed ankaŭ ne forgesu, ke oni devas labori plie kaj samtempe ekĝui iun salajran politikon plifavoran al la laboristaro , tio estas, for la ekspluatado kiu dominas la labor-rilatojn inter dungistoj kaj laboristoj en Brazilo! Ŝajnas , ke en neniu alia lando la rento-koncentrado estas tiel skandala kiel ĉilande.

TRI Ĉu prezidentismo aŭ parlamentismo? Mi opinias, ke plej urĝas la forigo de la "klientarismo" kiu superregas la 'nacian politikon...

KVAR El la lasta politika programero de PFL: "Kiam Brazilo bezonas, PFL solvas." Kia cirko!

KVIN Oni pensas konstrui memormonumenton al Jânio Quadros en San-Paŭlo. Ĉu iam oni ankaŭ pensos pri tiaĵo omaĝe al la Kolora Alagoas-ano?

SES Turisme vojaĝante al Florianópolis mi konis la sidejon finkonstruatan de Kultura Fondaĵo Simpozio,grandioza iniciato de S-ano Prof. Evaldo Pauli, kiu inter aliaj okupoj en la movado, estas prezidanto de FAT-Filozofia Asocio Tutmonda. "Simpozio" pensas disvolvi diversajn projektojn en la kampo de la esperanta kulturo, inter ili, jam komencita, iu internacia enciklopedio pri filozofio.

ESOTERA NIFOLOGIO

# TRIGUEIRINHO: AVERTOJ PRI ŜANĜOJ



El la libro Miz Tli Tlan, far Trigueirinho

La bildo montras kiel restos la surfaco de la planedo Tero post ĝia proksima purigo laŭ mapo prezentita de iu sendita eksterterano.

PROFETOJ, KLARVIDANTOJ, ASTROLOGOJ DISHEROLDAS: JEN VENAS IU NOVA ERAO AL LA HOMARO. SED ĜIS ĜIA EFEKTIVIĜO ONI TRAVIVOS CIKLOFINON TRE PERTURBITA ĈIA-ASPEKTE. ĈI-SUBE KELKAJ AVERTOJ DE LA SPIRITUALISTO JOSÉ TRIGUEIRINHO NETTO PRI LA PERIODO (VIDU INTERVJUON LIAN EN "JES JA!"/1-2). LA SEKVANTA TEKSTO BAZIĜAS SUR LIA LIBRO "A QUINTA RAçA" - ELDONEJO PENSAMENTO:

Iu nova raso ekaperos en diversaj mondpartoj, kiuj jam estas preparataj por tio. Eĉ ekaperante en diversaj punktoj, ĝiaj komponantoj estos ĉiuj unuiĝintaj por starigi la novan civilizon. Oni jam perceptas signalojn pri la ekzisteco de tiu raso, kies senco ĉi-tie signifas "sama kondutmodelo". Estas homoj kaj grupoj en la tuta mondo kiuj pro fa forto de ilia aspiro manifestas, ene de la limoj kiuj la nuntempa situacio permesas, ĝiajn trajtojn. La libro "A Quinta Raça", far José Trigueirinho Netto, pritraktas la realecojn de la nova raso kiu vivos en la ter-surfaco post la okazaĵoj kiuj ĝin transformos. Temas pri miriga raporto pri la fino de iu civilizo kaj la komenco de iu alia, aperonta, havante kiel ĉefroluloj la Interplanedajn Konsilantarojn, la spacŝipoj-laboratoriojn kaj la estulojn prenos sur sin la respondecon pri la evakuado de tiuj kiuj forlasos la planedon dum nedaŭra tempo por ke ĝia purigado pro radioaktiveco kaj polucio estu farita.Ĉi-numere de "JES JA!" oni fokusas la serion da avertoj pri apokalipsaj okazontaĵoj, oni

diru, kiu signalos la finon de ĉi-tiu malnova kaj dekadenca civilizo:

* MANKOS TRINK-AKVO EN LA PLANEDO. La radioaktiveco kaj la polucio estas infektantaj la akvon. Hodiaŭe restas malmulte da lokoj en kiuj ĝi ankoraŭ restas pura. Sed Trigueirinho mencias la ekzistecon de puraj fontoj ankoraŭ nekonataj kiuj sensoifigos tiujn kiuj meritos. Post la planeda purigado pro la radioaktiveco kaj polucio la akvoj ne nur estos purigitaj sed oni ankaŭ aldonos al ili kuracajn substancojn.

* LA MAR-AKVARO SUPRENIROS ruinigante urbojn kaj loĝantarojn kiuj devos tute malaperi - eble subite.

* La pligrandigo de la radioaktiveco alportos NOVAJN MALSANOJN NEKONATAJN de la scienco.



* La teraj, atmosferaj kaj ekologiaj movoj submetiĝos al la granda ŝanĝo en la ozonio-tavolo, kiu ankaŭ ŝuldigas nuntempe al la alilokiĝo de la ter-akso.

* La alilokiĝo de la planeda magneta akso igos, ke multaj regionoj restos sen la ŝirmo de la ozonia tavolo kaŭzante senakvecojn kaj geologiajn, ekologiajn kaj biologiajn ŝanĝojn.

Teruraj antaŭvidaĵoj, ĉu ne? Sed oni reliefigu la fakton, ke post tiaj malbonaj tempoj ekestos iu nova civilizo, iu nova erao de paco kaj solidara amo inter la homoj.

ESPERANTO
## NE MISELEKTU LA VORTOJN! . . .

EQUIPE - La plej ĝusta esperantigo de ĉi tiu vorto estas skipo aŭ, se temas pri sporta grupo, teamo. Tamen ekzistas en E-o la vorto ekipi, kiu signifas "equipar", kaj ekipaĵo, kiu estas "equipamento". Ekipo aŭ ekipado estas do la ago de ekipanto: La teamo fiaskis pro malbona ekipo: "A equipe fracassou por estar mal equipada."

FORMAçÃO - Se temas pri kre(iĝ)o, estigo, fariĝo k.s. de io, la plej ĝusta esperantigo estas formiĝo; se temas pri "formação rochosa", la taŭga traduko estas formacio.

PREOCUPAR-SE - Unu el la plej komunaj eroj de la "espergala" dialekto estas la paŭsaĵo priokupiĝi en frazoj kiel la jena: "Ne priokupiĝu pri tio! (Não te preocupes com isso!").

"Priokupiĝi pri" estas pleonasma formo de "okupiĝi pri", kiu ja signifas "ocupar-se de, encarregar-se de, entreter-se com", kaj neniel "preocupar-se, inquietar-se". Ĉi-lastajn esprimojn oni traduku jene, en pura E-o:
"Ne zorgu pri tio!"
"Ne maltrankvil(iĝ)u pri tio!"
"Ne zorgumu pri tio!"

El NIA BULTENO

ABONU "JES JA!"
3 NUMEROJ
KONTRAŬ 6 PM-OJ

**Jes Ja!**

Redaktas: César Dorneles Soares. Redakcia adreso: Mal. Frota, 278, BR-91350 Porto Alegre, RS, Brazilo. Tel. (051) 344.2591. Sendata al SC PR SP RJ MG ES DF GO BA AL PB CE k AM. Abonu tri numerojn kontraù 6 poŝtmarkoj al nacia letero. Oni petas interŝanĝon.


NUNTEMPO
## TIEL DIRIS PINOCCHIO



- Oni eniros kun mi kaj eliros kun mi;
- En mia reg-periodo ne partoprenos tiuj kiuj jam partoprenis en antaùaj registaroj;
- En la unuaj cent tagoj de la reg-periodo la inflacio ne superos la 10%;
- Se Lula estos elektita, li konfiskos la ŝpar-kontojn de la gebrazilanoj;
- Mi triobligos la nuntempan minimuman salajron ĝis la fino de mia regado;
- Mi maldungos po 360 mil publikaj funkciuloj
- Mi privatigos po unu ŝtata entrepreno ciumonate;
- La batalo kontraù la inflacio okazos sen la sinofero de la salajrulo;
- Mi nuligos la publikan deficiton...

CURSO DE ESPERANTO
SOC.ESP. IRMÃO MIRANDA
Sábados, 15h. Início: 9/maio. Trav. Francisco F.Feijó, 227 Jardim Botânico (em frente ao posto Shell da Av. Salvador França) Inscrições: terças à noite, quartas à tarde.

ESPERANTO
## E-NUKLEOJ EN PORTO ALEGRE

Antaù tri jaroj estis nur unu instanco kiu aranĝis E-kursojn en Porto Alegre. Nuntempe la nombro da kursejoj kvinobliĝis kaj ni havas la jenon:

* Sociedade Espírita Allan Kardec. Departemento de Esperanto (DESEAK). Kursoj ekde 1974. Str. Fernando Machado, 883 90010 Porto Alegre, RS. Bazaj k daùrigaj kursoj. Biblioteko. Direktorino: S-ino Lucila D'Àvilos Fernandes. Korespond-adreso: Av. Getúlio Vargas, 1196 PK-do 90060;

* Esperantista Societo de Porto Alegre (ESPA). Kursoj ekde 1945. Str. dos Andradas, 1137/1704 PK-do 90020. Bazaj k daùrigaj kursoj. Biblioteko, kulturkunvenoj, eventoj. Prezidanto: S-ro Ernani Borges.

* Sociedade Espírita Bezerra de Menezes. Escola de Esperanto Yvonne Pereira. Kursoj ekde 1990. Str. Nova York, 686 PK-do 90450. Bazaj k daùrigaj kursoj. Kunordigantino: S-ino Edy Soares Jensen.

* Sociedade União Espírita Porto-Alegrense. Departemento de Esperanto. Kursoj ekde 1989. Str. João Alfredo, 464 PK-do 90050. Bazaj k daùrigaj kursoj. Direktorino: S-ino Julinha Zoraide Feijó Pereira. Korespond-adreso: Str. Costa, 159 PK-do 90060.

* Sociedade Espírita Irmão Miranda. Kursoj ekde 1992. Str. Francisco Fraga Feijó, 227 PK-do 90610. Bazaj kursoj. Instr. César Dorneles Soares.



HAGAR DIK BROWNE







ESPERANTO

# WILLIAM AULD: PRI LA ESPERANTONIMO "KROKODILI"



"Krokodili" aperas en Plena Ilustrita Vortaro(PIV - 1970) kun jena difino: "paroli nacilingve en Esperantista medio". Ĝi estas signita kiel slanga esprimo, sed miaopinie ĝi ne apartenas al tiu kategorio, car ĝi ne havas alian signifon aù sencon en la norma lingvo, krom se ĝi povas signifi "agi kiel krokodilo". Komparu la sekvajn verbojn pluformitajn surbaze de substantivoj signifantajn bestojn.

a. serpenti - "iri multflekse kaj ondolinie, kiel serpento"

b. simii - "kvazaù simii imiti"

c. hamstri - "amasigi al si provizojn, nutraĵojn, ofte en nelega maniero, precipe pro timo al krizo, striko, milito ktp."

Rimarku, ke neniu el tiu tri vortoj portas la PIV-an slangan etikedon. Manke de historia aù etimologia vortaro de Esperanto, estas malfacile spuri la originon de "krokodili". Ĝi estis registrita unu jaron pli frue ol la eldono de PIV en la Esperanta kaj angla vortaro de J.C. Wells (1969), sed ĝi certe estis uzata en la parola lingvo, pli frue. Pri la kialo de la uzo de la bestnomo oni multe diskutis. Esperantaj vortaroj enhavas nur du aliajn esprimojn rilatantajn al tiu reptilo. "Krokodila ledo" estas memkomprenebla, kaj la figura esprimo "krokodilaj larmoj" temas pri hipokritaj larmoj aù ŝajniga sento de bedaùro aù aflikto. Ĉar neniu alia vorto en la norma Esperanto taùgas por priskribi la daùre okazantan fenomenon de la krokodilismo en esperantistaj rondoj, la jam profunde enradikiĝinta "krokodili" devas esti klasifikita ne kiel slanga vorto sed kiel esperantismo aù esperantonimo, apartaĵo de la zamenhofa lingvo sen ekvivalento aù paralelaĵo en aliaj lingvoj. (...) Same netradukebla estas la verbo "kabei", ankoraù ne registrita en etnolingvaj Esperanto-vortaroj. PIV, kiu ne signas ĝin kiel slangan vorton, difinas "kabei" jene: "fari kiel Kabe (pseùdonimo de K. Bein), kiu, estinte tre vigla esperantisto, subite kaj tute forlasis la movadon". (...) Apud "krokodili" estis kreitaj similaj terminoj por priskribi aliajn lingvajn situaciojn estiĝantaj okaze de esperantistaj kongresoj kaj similaj renkontiĝoj. Rimarku, ke la vortformada procedo konsistas en la verbigo de substantivoj, kiuj estas nomoj de bestoj apartenantaj al la sama zoologia ordo, la krokodiluloj.




(daŭrigo)

a. aligatori - paroli en etnolingvo, kiu ne estas la gepatra lingvo de la interparolantoj. Ekzemple, ĉino kaj meksikano komunikiĝas inter si per la angla.

b. kajmani - uzi etnolingvon, kiu ne estas tiu de la loĝantoj de la lando, en kiu oni troviĝas. Kajmano estas tiu ulo, kiu parolas, ekzemple, pole en Grekio.

c. gaviali - paroli en lingvo, kiu ne estas komprenata fare de la ĉeestantoj, ekzemple Esperante inter alilingvuloj.

Tiuj ĉi vortoj plej verŝajne estis enkondukitaj en Esperanton en la fruaj 1970-aj jaroj (vidu Kontakto, 1972, n-ro 3, p. 19), sed ili nek estis sufiĉe uzataj (kompare kun "krokodili"), nek altiris al atento de leksikografoj en Esperantujo, do estas atendeble, ke ili formalaperos same kiel pluraj aliaj pasemaj slangaj esprimoj.

William Auld,
en HEROLDO DE ESPERANTO

NUNTEMPO

## LA BRAZILANOJ LAŬ LA BRAZILANOJ

Lastjare revuo "Superinteressante" faris enketon ĉe 1200 homoj el San-Paŭlo, Rio-de-Ĵanejro, Belo Horizonte, Porto Alegre, Salvador kaj Belém kun demandoj pri la karaktero de la brazilanoj laŭ la propraj brazilanoj. El la rezultoj, ni elstarigas la jenon:

* 40% respondis, ke Brazilo estus pli bona se ĉiuj brazilanoj estus egalaj al la san-paŭlanoj...Aliaj elcentecoj: gaŭĉoj: 17%, Minas Gerais-anoj: 13%, kariokoj: 7%, Pará-anoj: 7% kaj Bahia-anoj: 4%.

* Brazilo estus pli malbona, se ĉiuj brazilanoj estus egalaj al kariokoj: 37%, Bahia-anoj: 27%, san-paŭlanoj: 7%, Minas Gerais-anoj: 5%, Pará-anoj: 5% kaj gaŭĉoj: 3%.

* Konsentoj pri antaŭe prezentitaj frazoj: 62% "tute konsentas", ke la kariokoj emas al senfareco, 44%, ke nordorientanoj estas perfortemaj; 44%, ke gaŭĉoj estas fanfaronuloj; 35%, ke san-paŭlanoj estas arogaj; 29%, ke Minas Gerais-anoj estas avaraj; 24%, ke Bahia-anoj estas nerespondecaj...




ANAPOLIS-GO
28A
BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO
12-17 julio 92

Jes Ja!